# EVOLUCIISMO.

De Dro *T. G. Masaryk*, profesoro ĉe la bohema universitato en Praha.

En la nova tempo tiel, kiel evoluciis la ideo de la humaneco, egale evoluciis la ideo de la progreso. Hodiaŭ ĉiu scias kaj uzas la vortojn »progreso«, »evolucio«. La homoj pli malnovaj, precipe la homoj de l' mezepoko ne havis la penson, ke ekzistus progreso (komprenu progreso en tuto) en societo, nacio, ŝtato. Ili opiniis, kiel ili havas l' absolutan veron religian, ke ĝenerale ĉio jam estas preta por ĉiam; kaj pri ia movado antaŭen, pri pliperfektiĝado, ili neniam pensis. Unue la nova tempo — kaj per tio ĝi estas nova — distingiĝas ĝuste per tiu kredo je evolucio kaj progreso. Tiu ideo elvolviĝadis iom post iom en diversaj fakoj. Oni komencis pensi pri progreso en scienco, en arto (»renesanco«), pri progreso en religio (»reformacio«) kaj tiel paŝo post paŝo en ĉiuj fakoj. Apartan esprimon tiu penso trovis per la moderna evoluciismo. Ĉi tiu vorto signifas instruon pri evolucio. Ĉefe oni pensas per ĝi darvinismon, la instruojn de Darwin. Sed darvinismo estas nur unu instruo evoluciista; hodiaŭ jam ekzistas multe da instruoj evoluciistaj, ankaŭ da kontraŭdarvinistaj. Sed en la pli vasta konscio ankoraŭ regas opinio, ke darvinismo estas evoluciismo. Mi ne partoprenas tiun opinion, sed tamen elektas darvinismon tial, ke oni sur ĝi bone povas montri, kio estas la ĉefa afero ĉe evoluciismo en etiko. Darvinismo sian kredon je progreso, pliperfektiĝado, ke de generacio al generacio pliboniĝas ĉiuj cirkonstancoj kaj aferoj, estas fondata sur la naturscienco Tute populare, sed ne tute ĝuste oni diras, ke laŭ Darwin la homo fariĝis el simio. Tio estas penso pri evoluciismo, kiun havas eĉ la pli vasta publiko. Tio ne estas tute ĝusta, sed donas la ĉefan penson entute sufiĉe bone. Kaj poste oni parolas pri batalado por la vivo. Batalado por la vivo, batalado ĝenerale estas tre moderna devizo. La vorto batalado sonas en ĉiuj flankoj. Darwin imagis, ke la besto kontraŭ la besto batalas malcede por

la ekzistado, por la vivo, kaj ke en tiu batalado la pli forta venkas kaj la malpli forta pereas, ke tiu batalado por la vivo do estas ilo de pliperfektiĝado. Kaj lia instruo ankaŭ venis al la masoj tial, ke ĝi tiamaniere klarigas la perfektiĝon de la homa societo. Tiu instruo, kiu estis pure naturscienca — kaj Darwin mem en la komenco ĝin fiksis nur pri la bestoj — iom post iom estis turnata al la historio de la homaro, al la homo ĝenerale kaj per tio aperis rimarkinda revolucio en la pensado. La natursciencon oni konsideras kiel grandan aŭtoritaton kaj krom tio la klarigo ŝajnis logika. Certe, en la homaro ekzistas batalado inter individuoj, klasoj, nacioj. Instruo pri batalado kiel ilo de progreso hejmiĝis en la plej vastaj masoj, ĉefe ankaŭ en la sociala demokratio. Al ĉiu venos penso, ke la instruo pri batalado estas kontraŭhumanista. Batalado ne estas humaneco. Antaŭe oni montradis al tio, ke la natura batalado aperas sociale kiel konkurenco. Oni montradis al arta elektado. Arta elektado estas por ekzemplo la militservado; estas elektataj la plej kapablaj, plej sanaj, plej fortaj, kaj estas dediĉitaj por perei en milito kaj en la klopodoj de la vivo soldata; la malplej fortaj restas hejme kaj multigas plu la homaron. Tiel aperas generacio malpli forta. Aŭ: arta elektado estas la moderna medicino. La medicino scias savi la homon jam duone mortantan kaj tiel ree savas la malfortulon. Nur la naturo pereigas la malfortulojn, kiujn la homa arto volas savi. Tiel la naturo korektas la homon. Pli frue oni pensis, ke la homo korektas la naturon, kaj hodiaŭ ni aŭdas la veran kontraŭon de tio.

La opinioj pri la arta elektado kaj ĝia malutileco kaŭzis, ke aperis homoj, kiuj senceremonie proklamis kiel logikan konsekvencon de la natura elektado, ke la pli forta havas la r a j t o n pereigi la malpli fortan. Kaj vastiĝadis opinio tute kontraŭhumanista, kiu la humanecon malpermesadis, ĉar la humaneco malfortigas nin korpe eĉ anime; vastiĝadis nova speco de pugna rajto sur fundamento naturscienca. Tiu pugna rajto estis proklamata por la individuo kaj por la nacioj. Naskiĝis ideo, ke estas elektitaj nacioj, sed ne elektitaj tiel, kiel la malnovaj Izraelidoj proklamadis, sed elektitaj de la naturo, naturscience. Ĉefe Nietzsche gloriĝis per tio, ke li simple el darvinismo eldiris: Jes, la pli forta havas la rajton! Forto

estas vero! Oni proklamadis ĝenerale diversajn konsekvencojn de darvinismo. Unuj volis la pugnan rajton formuli politike; aliaj volis korekti la punan leĝaron, ĉar la humaneco ŝirmas la krimulojn, kaj tio estas arta elektado, peko kontraŭ la homaro; ne ŝirmi krimulojn, malamikojn de la homa societo, sed puni ilin per gravaj punoj kaj uzadi la mortopunon por purigi la societon.

Estas komprenebla, ke aperas kontraŭuloj, kiam oni eltiras tiajn konsekvencojn. La homoj timiĝis kaj komencis konsideri, ĉu tiuj konsekvencoj logike sekvas el darvinismo. Kaj unuj diris: Ne estas ĝusta dedukti el la naturscienco la pugnan rajton moralan kaj leĝan, ĉar la moralo estas sendependa de teorio: Mi povas en teorio proklamadi la bataladon por la ekzistado, sed por la praktiko mi akceptas humanecon, kristanecon. Sed tio estas sofismo. Se ni estas konvinkitaj, ke en la tuta naturo kaj ankaŭ en la societo estas batalado kaj se la batalado estas tia, kiel ĝin priskribas Darwin, do Nietzsche kaj liaj partianoj estas pravaj. Oni denove komencis kritiki el maldekstre, el dekstre, ĝis iom post iom darvinistoj venis al kontraŭa vidomaniero, ke la instruo evoluciista ne estas tiom radikala, kiel oni opiniis, kontraŭe, ke ĝi estas konservativa.

Mi diris: la instruo faris revolucion. La homo senĉese havis kaj havas opinion, ke *li* estas centro de la tuta mondo, ke la tuta mondo propre ekzistas pro li, kaj jen ni subite aŭdas, ke nia, se ne patro, do avo, estis simio. La homoj akceptadis la novan instruon, ne ke ili havis garantion pri ĝia ĝusteco, sed tial, ke ĝi estis konforma al iliaj revoluciaj bezonoj, al batalo kontraŭ la reakcio konservativa. Sed iom post iom montriĝas, ke la darvinista instruo estas aristokrata, konservativa. Socialistoj akceptadis tiun instruon opiniante, ke per darvinista batalado por la ekzistado ili eldefendos sian klason kontraŭ alia klaso. Sed nun montriĝas, ke tiu instruo pri batalado ne estas demokrata; se oni proklamas, ke la pli forta venkos, do sekvas el tio, ke venkos la klaso kapitalista kaj ne la proletarioj; kapitalo estas la pli forta de flanko ekonomia, havas do rajton super la malpli forta! Tiel fariĝis, ke nun — kaj tio estas la nuna situacio — el darvinismo kaj evoluciismo oni devenigas la opiniaron aristokratan, kaj ne nur konservativan, sed rekte reakcian. Nur la eminentularo, ni

aŭdas nun, nur malgranda nombro da kapablaj kaj fortaj havas rajton super la grandega maso; naskiĝas milionoj kaj milionoj da homoj, por ke venku nur kelkaj. La ĉefaj evoluciistoj estas anoj de aristokratismo. Darwin mem estis detenema en tiuj aferoj, sed Huxley, kaj ankaŭ Spencer kaj aliaj deduktas la diritajn konsekvencojn aristokratajn. Fine kelkaj helpas al si proksimume tiel: Tio estas turmenta situacio. El darvinismo logike sekvas aristokratismo, niĉeismo. Sed tio kontraŭas al la kunnaskita homa sentado, tio estas malkonsento inter humaneco, simpatio, altruismo kaj la naturo. Tio estas du mondoj, kiuj havas kune nenion komunan, la mondo spirita, morala — kaj la mondo de la naturo. Tie batalado, ĉi tie amo. Se ni devas akcepti bataladon en la naturo, egale ni devas kredi je amo kaj humaneco; amo devas malbrutaligi la brutalajn formojn de la batalado. Kaj tiuj reprezentantoj de darvinismo, Huxley, Wallace kaj aliaj, tiras el evoluciismo konkludon humanecan. Tiel ankaŭ darvinismo gvidas fine al humaneco, kaj ni havas moralon humanan eĉ en evoluciismo. Eĉ la teologoj, kiuj ĉiam estis kontraŭ darvinismo, kontentiĝas: Kial ni ekscitiĝus — kiel Dio kreis la homon el argilo, tiel li povis krei ĝin el simio. Kaj tiel laŭ la tuta linio la instruo radikala turniĝas en instruon konservativan, eĉ rekte reakcian. Tio ne estas izolita ekzemplo, kiel finiĝas radikalismo.

La naturscienca evoluciismo efektive estas nenio nova, sed donas en nova formo la kredon je progreso. Ĝi estas naturscienca formulacio de la instruo historia. La ideo de progreso estas rajtigita; progreso ekzistas, pri tio, mi pensas, povas esti nenia serioza dubo. Kompreneble, ke tiu opinio, ke ĉie estas progreso senlima kaj ke ĉio estos plej baldaŭ tiel perfekta, kiel ni ĝin deziras havi, estas utopismo. Ni komprenas pli kaj pli, ke tio, kion ni jam atingis — kaj tio estas tre malperfekta — certe evoluciis milojn da jaroj, ke do la progreso estos malrapida. Nenia salto, nenia miraklo[1] fariĝos. Vere, ekzistas ia skeptikeco kontraŭ la kredo je progreso; ni komprenas, ke en kelkaj fakoj povas esti paŝo malantaŭen, malpliboniĝo; ĉiu nacio povas veni staton, en kiu dum momento

[1] Miraklo = zázrak.

aŭ eĉ dum pli longa tempo estas dekadenco. Estas ebla ankaŭ falo definitiva, kiel oni montras per Romanoj, Grekoj k. a. nacioj malaperintaj. Certe do multe pli senreve ni komencas konsideri pri progreso, sed ni havas la kredon je progreso, kaj kiom ni konas eĉ plej senreve rigardi la aferon, tiu kredo estas rajtigita. Tiu kredo havas en si ion ĝuste religian. Se la esenco de la religio estas espero je enstonteco, se la religio la homon plifortigas per tio, ke ĝi enpremas al li kredon je estonteco kaj esperon, do la instruo evoluciista havas karakteron religian, la homoj instruitaj ĝin akceptas tiel, kiel ili akceptadis kaj akceptas la kredon pri senmorta vivo.

Tio estas valora elemento de evoluciismo.

Tradukis *N. B.*

*

Rimarkoj. — Ĉi tiu artikolo estas prenita el la broŝuro »Ideály humanitní« de T. G. Dro Masaryk, (eldonita en la »Knihovnička Času«, Nro 17., prezo 40 h; ricevebla ĉe la »Administracio de l' gazeto Čas«, Praha, Jungmannova tř.), kaj en la originalo ĝi havas titolon »Evolucionism«. Mi tradukis tiun vorton mallongitige kiel »evoluciismo«, kunmetinte ĝin el esperanta radiko »evoluci«, internacia sufikso »ism«, kaj finiĝo de l' substantivoj.

Mi ne ŝanĝis ortografion de la nomoj propraj. Apud la nomo Darwin mi uzas la vorton »darvinismo«, skribitan per la literoj esperantaj tial, ĉar mi ĝin akceptas kiel vorton esperantan. Simile »niĉeismo«. La tradukinto.

# TVORBA SLOV V ESPERANTĚ.

Píše *Josef Krumpholc.*

(Pokračování.)

## O SKLÁDÁNÍ SLOV.

Tvořiti slova složená lze v Esperantě tak snadno jako v řečtině nebo v němčině — pouhým tedy přiřazováním kmenů, při čemž kmen základní staví se, jako v češtině, na konec.

Příklady. Slovo parník (parní loď) utvoří se z kmene slova pára *vaporo* a ze slova loď *ŝipo,* tedy: *vaporŝipo.* A tak tvoříme i slova: *terglobo* zeměkoule, *terpomo* zemák, brambor (zemské jablko), *taglibro* denník, *lernolibro* učebnice, *trinkmono* zpropitné, *ledfaristo* koželuh, *kontraŭdiro* odpor (protiřeč), *internacia* mezinárodní, *ĉiujare* každoročně, *alnomo* příjmení, *subskribi* podepsati,[1]

[1] Jiné příklady tohoto způsobu tvorby slov viz v následujícím článku »O předponách«.

*okulharoj* brvy, *vangharoj* licousy, *kolharoj* hříva, *lipharoj* kníry atd., ač není chybou, ba doporoučí se, místo slov složených příliš dlouhých, užívati raději slov prostých, jednoduchých. Tedy — na příklad — místo slova poŝtkarto *poŝta karto,* místo poŝtmarko *poŝta marko* atd.

K složeným slovům náležejí i číslovky (numeraloj) určité nad 10, jež tvoří se rovněž pouhým přiřazováním. Příklady. 11 = 10 + 1 = *dek-unu,* 12 = 10 + 2 = *dek-du* atd. — 20 = 2 desítky = *du-dek,* 30 = 3 desítky = *tri-dek* atd. — 31 = 3 desítky + 1 = *tridek unu,* 43 = čtyřicet + 3 = *kvardek tri* atd.

### ODVOZOVÁNÍ SLOV PŘEDPONAMI A PŘÍPONAMI.

Třetí a nejplodnější myšlenkou původce Esperanta bylo ve slovotvorbě stanovení třiceti as předpon a přípon účelně z jazyků národních odvozených, jimiž možno z každého kmene velmi snadno utvořiti potřebný počet příslušných slov, jichž si tedy netřeba zvlášt osvojovati a pamatovati, ježto je lze známými předponami nebo příponami každému kdykoli si utvořiti. V tom ohledu podobá se Esperanto latině a jazykům slovanským, jež — jak dí J. A. Komenský — na div oplývají slovy odvozenými, jako zase němčina slovy složenými, a řečtina obojími.

### O PŘEDPONÁCH.

Z předpon nejdůležitější jsou tyto:

**al-** (= k, ke, ku) obdobné naší předponě *při-, pří-* ve slovech s významem *při*dati, *při*činiti *k* něčemu.

Příklady. ***Aldoni*** přidati, přiložiti; ***aldono*** přídavek, příloha; ***aligi*** připojiti, ***almeti*** přistaviti, ***altranĉi*** přikráti, ***alporti*** přinésti, ***alsalti*** přiskočiti, ***alligita*** přivázaný-á-é, atd. Ale ne každé ***al*** jest předponou! Tak na př. ve slovích: ***almenaŭ*** aspoň, ***alko*** los, ***alia*** jiný atd. neznačí ***al*** naše při-, jako zase ne každé naše *při-* zní v Esperantě *al.* Na př. přisvědčiti = *jesi,* připraviti = *prepari,* přirovnati = *kompari* atd. Poznámka tato platí ovšem obdobně také o ostatních předponách.

Jména osob sňatkem zpřízněných počínají v Esperantě předponou

**bo-** Příklady. ***Bopatro*** tchán (otec ženin nebo mužův), ***bopatrino*** tchyně; ***bofilo*** zeť (muž dceřin), ***bofilino*** snacha,

nevěsta; *bofrato* svak, švagr (bratr ženin nebo mužův, nebo muž sestřin), *bofratino* švagrová.

**dis-** = naší předponě *roz-* ve smyslu rozděliti, odděliti. Příklady. *Disrompi* rozlomiti, *disligi* rozvázati, *disvolvi* rozvinouti, *disŝiri* roztrhati, *disverŝi* rozlíti, *disĵeti* rozhoditi, *disŝuti* rozsypati, *dissemi* rozsévati, *disiĝi* rozloučiti se, *diseco* roztroušenost a p.

**ek-** značí děj počínavý, okamžitý, jednodobý. Příklady. *Krii* křičeti, *ekkrii* začíti křičet, vykřiknouti, zakřičeti; *tremi* chvěti se, *ektremi* zachvěti se, začíti se chvěti; *ridi* smáti se, *ekridi* začíti se smáti, zasmáti se; *vidi* viděti, *ekvidi* spatřiti, uviděti, zahlídnouti.

**el-** (= z, ze) obdobné naší předponě *vy-* (*vý-*). Příklady. *Eliri* vyjíti, *elirejo* východ, *elmeti* vyložiti, vystaviti, *elpendaĵo* vývěs (štít vývěsný), *eldoni* vydati, *eldiri* vysloviti, *eluzi* využiti, *elpensi* vymysliti, *elfluo* výtok, *elĵeti* vyhoditi, *ellerni* naučiti se, na př. *mi ellernis Esperanton* — naučil jsem se Esperantu.

**en-** = našemu *v-* *ve-*. Příklady. *Eniri* vejíti, *enspiri* vdechnouti, *enhavo* obsah, *enkadrigi* zarámovati vrámovati), *enterigi* zakopati, vkopati (pohřbíti), *enpresi* otisknouti (vtisknouti) atd.

**ge-** značí podstatné jméno pomnožné (podvojné) obojího rodu. Příklady. *Gepatroj* rodiče (otec s matkou)' *gemastroj* hospodáři (hospodář s hospodyní), *gefratoj* sourozenci (bratr i se sestrou), *geinstruistaro* učitelstvo (učitelé s učitelkami), *gesinjoroj* páni (pán s paní).

**mal-** znamená pravý opak, protivu něčeho. Příklady. *Bono* dobro, *malbono* zlo; *granda* veliký, *malgranda* malý; *helpi* pomáhati, *malhelpi* překážeti; *bonigi* napraviti, *malbonigi* kaziti; *amo* láska, *malamo* nenávist; *dekstra* pravý, *maldekstra* levý; *profito* zisk, *malprofito* škoda, ztráta atd.

**ne-** jest naše předpona *ne-*. Příklady. *Neebla* nemožný, *nemezurebla* nezměřitelný, *neestinta* nebývalý, *neagrable* nepříjemně, *nekredeble* neuvěřitelně, *negranda* neveliký atd.

**pra-** jest naše *pra-*. Příklady. *Prapatro* praotec, *praavo* praděd, *pranepo* pravnuk, *praarbaro* prales, *pramalnova* prastarý, *praepoko* pravěk, pradoba atd.

**re-** jest obdobné naší předponě *od-* ve smyslu zpět nebo opět, znova. Příklady. *Resalti* odskočiti (zpět

skočiti), *rebrilo* odlesk, *redoni* odevzdati, vrátiti (zpět dáti), *ree* opět, zase, *reen* zpět, *renovigi* obnoviti (opět, znova novým učiniti), *reveni* vrátiti se atd.

**sen-** překládá se obyčejně naším *bez-* nebo *ne-*. Příklady. *Senkolora* bezbarvý, *senhonora* bezectný, *senfunda* bezedný, *senhonta* nestoudný, *senkapigi* hlavy zbaviti, stíti; *senvestigi* svléci (oděv).

Tolik o předponách.

# LA IDEO DE L' PACO.

Fragmentoj el la parolado, kiun la 11. sept. 1903 faris en Vieno Frédéric Passy[1].

Ion novan mi ne povas prezenti al vi: nova estos por vi nur la persono de maljuna parolanto, kiu staras antaŭ vi. Sed tamen mi sekvis volonte la inviton de mia amikino, sinjorino de Suttner, kiu deziris, ke mi parolu ĉi tie, ĉar oni devas uzi ĉiun okazon labori por tiel kara afero. La batalado kontraŭ milito estas tre malnova... sed nur ĝis en nia tempo la homaro plene konsciiĝis pri tiu grandega malfeliĉo, kiun venigas milito al ĉiuj popoloj kaj al ĉiu aparta homo. La plej glora akiro por nia tempo estas tiu, ke la ideo de universala paco ne estas jam rigardata kiel utopio, sed ke ĝi enradikiĝis en konscio de nacioj, registaroj kaj regnestroj. Hodiaŭ ni povas libere proklami, ke milito estas organizita ŝtelado, amasa buĉado, rabado kaj grandega mortigado...

Poste la parolanto zorge analizis ĉiujn kontraŭdirojn, kiuj estas farataj al la amikoj de l' paco. Hodiaŭ, tiel oni diras, ne ekzistas »kabinetaj militoj«, nun oni batalas nur por grandaj interesoj de vivo kaj por ili oni oferas havon kaj sangon. Ĉu tio efektive estas vera? Ĉu tiuj interesoj povas esti defendataj nur per buĉado de homoj? Ĉu ne ekzistas hodiaŭ la solidareco de l' homaro? Nunaj militoj ne estas plu limigitaj loke, kiel en tempo pasinta. Kiam ektondris la pafilegoj inter Boeroj kaj Angloj, ĉu ni ĉiuj ne sentis la tutan malfeliĉon de tiu milito? Ĉu

[1] Frédéric Passy, membro de la franca Instituto kaj prezidanto de la franca Societo por la internacia arbitracio (= smírčí soud) estas konata batalanto por la ideo de l' paco. Kvankam li estas maljunulo 83-jara, tamen kun kia nerompita forto kaj junula entuziasmo li batalas por sia idealo!

ni ne vidis ĉiajn kruelaĵojn en plena akreco, kvankam ni estis miloj da mejloj malproksime? Ĉu ni ne aŭdis ĝemojn de vunditoj kaj kripligitoj, ĉu ne aŭdis niaj oreloj la korŝirantan ploradon de l' patrinoj? Ĉu ne suferas nun ankaŭ la venkinto sub sia venko? Se ni pereigas aliajn, ĉu ni ne pereigas samtempe ankaŭ nin mem?

Oni diras, ke militado donas okazon por montri »virajn virtojn«: bravecon, sinoferemecon kaj energion, kiun nenio povas timigi. Sed tio estas vera nur en limigita senco. En moderna milito, kun ĝiaj teruraj detruiloj, kun ĉiuj akiroj de moderna tekniko, la iam estintaj »viraj virtoj« de militisto jam ne ludas rolon . . . kaj se estas eĉ postulataj en milito sinoferado, energio kaj braveco — ĉu ni en paco ne trovas sufiĉe ofte okazojn por montri ilin, tiujn »virajn virtojn«? Kiom da okupiĝoj postulas sinoferon! Kaj tiu malriĉa laboristo, kiu jaro post jaro senripoze laboras por sia familio, meze en diversaj mankoj kaj turmentoj, ĉu li ne estas ankaŭ heroo? Ĉu ne estas herooj kuracisto, esploristo? Ĉu estas bezona tiu senlima malfeliĉo de milito por ke ni povu montri »virajn virtojn«? . . .

. . . Granda nacio ne bezonas grandan teritorion[1]. Ni rigardu nur Svisujon! Ĝi estas malgranda, sed ĝi sciis bonege solvi tre malfacilan problemon: pace kunigi tri diversajn naciojn kaj fari, ke ili ĉiuj sentu sin hejme. Ĉu tiu malgranda lando ne atingis tiun saman gradon rilate al kulturo kiel ĉiuj grandaj kulturaj ŝtatoj? Almilitaĵoj? Jes, ni ankaŭ deziras almilitaĵojn, sed en la regionoj de arto, scienco, komerco kaj industrio! Milito? Jes, ni deziras ankaŭ militon, sed militon kontraŭ mizerego, militon kontraŭ malvirto, militon kontraŭ malklereco, militon kontraŭ rasa[2] kaj klasa malamo! Eĉ tiuj viroj, kies okupiĝo estas militado, pensas hodiaŭ tiel, kiel ni. Kiam mi iam faris paroladon, mi ricevis telegramon de generalo Türr, kiun mi vidas ankaŭ en ĉi ĉambrego. La telegramo enhavis la sekvantajn vortojn: »Oni enkonduku laŭdantojn de milito en la hospitalojn — kaj ili pensos alie«. . .

Oni riproĉas al ni, ke ni estas utopistoj. Utopio, diras tre trafe Lamartin, estas morgaŭa vero, kiu hodiaŭ

---

[1] Teritorio = území.
[2] Raso = plémě, rasa.

ankoraŭ ne valoras kiel vero. Ni, defendantoj de l' paca ideo, ni neniam pretekstis, ke ni enkondukos universalan pacon jam morgaŭ. Ne, ni havas nur celon, celon malproksiman, idealon, al kiu ni alproksimiĝas paŝo post paŝo. Kaj ni utopistoj alproksimiĝas efektive al tiu alloganta idealo. Ni maljunuloj povas plej bone ŝati, kiom estis atingita en lastaj kvindek jaroj. Kiam ni komencis labori, oni ridis kaj mokis nin . . . Sed jen venis Pariza kontrakto de jaro 1856, en kiu troviĝis artikolo, kiu unuafoje en simila afero parolis pri internacia juĝantaro. Tio estis la plej unua ekbrileto de ĉielruĝo matena de tiu estonteco, je kiu ni tiel ege sopiris. Tiam Gladstone ĝoje ekkriis: »Ĉi tio estas la unua kondamno de milito!« De tiu tempo eble jam en cent aferoj laboris la internacia juĝantaro. Kaj hodiaŭ, ĉu ne devas ĝoje ekbati nia koro, se ni pensas pri tio, kio estas kreita en Haag kaj kiam ni vidas, ke la regnestraroj komprenas niajn laborojn . . . Tiel ricevas realan vivon tio, kio iam estis forpuŝata kaj kalumniata kiel utopio . . .

Sed por ke tiu afero progresu, por ke la ideo de l' paco ĉiam pli prospere disvolviĝu kaj eniru en pli vastajn rondojn, devas kunlabori ĉe tiu granda kultura laboro ankaŭ la virinoj. Tial mi finas kun la admono de Jules Simon: »*Virinoj, patrinoj, kial vi silentas ĉe aferoj, kiuj koncernas militon kaj pacon?*«

Tradukis *E.*

## EN VILAĜA TOMBEJO.

De *Henriko Conscience.*

La kursoj en la vilaĝa lernejo finiĝis . . .

Jen hejmen iras Manjo, la aminda blonda knabino, portanta sub brako sian skribardezon. La nigra buklhara Janko de la najbaraĵo ŝin sekvas.

Vojirante, ili bluajn cejanojn kaj ruĝajn papavojn deŝiras el la sekalaj kampoj . . . .

Sur la ŝtona ŝtupo, apud la eniro de la tombejo, ili kunsidas. Janko kunplektas kronon per la floroj. Ŝajnas al la knabino, ke tio tro longe daŭras, kaj ŝi aperigas sian malpaciencon por posedi la kronon.

Sed Janko laboradas kun fervora agemeco. Nesciante kio lin incitas, li ordigas, li intereŝanĝas la florojn, li serĉas la harmonion de koloroj, kaj diversfoje li provas la kronon sur la kapo de sia dolĉa kunulino.

Ĉu ia amika aŭ ama sento, tiel frue igis tiun knabon artisto?

Proksime de ĉi tiuj naivaj ludoj sin etendas la kampo de eterna dormado kun sia neinterrompita silento, kun siaj verdantaj tomboj kaj siaj falintaj krucetoj. Alte staras sur la kampo de la morto la humila preĝejeto. Ĝia antikva turo, masiva kaj sengracia je sia malsupro, similas al majunulo malgajanta pro la morto de infanoj; sed je la supro ĝiaj formoj maldikiĝas kaj ĝi akrafina, kvazaŭ sago, al la ĉielo supreniras, kaj aperigas la oran esperan stelon, brilegantan super la mortintoj, kiuj dormas sub la verda herbaĵo.

La suno disverŝas sian gajigan lumon en la tombejon; floroj balanciĝas sur la tomboj per la varmeta venteto; birdoj kantas sur la tilioj superombrantaj la sanktan herbaron; diverskoloraj papilioj flirtas ĉirkaŭ la lignaj krucetoj . . . . sed nenio rompas la impresan silentadon aŭ la kortuŝantan solecon de la mortkampo.

Janko estas fininta sian laboradon. Sur la kapo de Manjo paradas nun la ruĝeblua krono, kiun li kunplektis por ŝi.

Ambaŭ eniras en la vojeton zigzagantan tra la tombejo.

Janko ekvidas floron de Sankta Johano[1] briletantan sur ia tombo kiel arĝenta stelo. Li flanke saltas, deŝiras la floron de ĝia trunketo kaj fiksas ĝin sur la frunton de sia amikineto.

Ĝi estas la centra juvelo en la diademo de reĝino, kies komencanta regno estas la vivo, kies sceptro estas la beleco, kies trezoro estas la simpleco kaj la kredo.

Manjo ĝojanta marŝas antaŭen; en ŝiaj bluaj okuloj brilas infana fiereco, kaj ili miksas sian dolĉan helon kun tiu de beletaj cejanoj sur ŝia frunto balanciĝantaj.

Sed ŝi haltas en la tombejo kaj ekrigardas ridetante lignan kruceton, kies freŝa florkrono montras tombon antaŭ nelonge plenŝutitan.

— »La krono, kiun vi portas, estas multe pli bela!« diras Janko.

[1] Popola nomo de l e k a n t o.

— »Tie kuŝas entombigita Karolinjo de la ĉapfaristo?« murmuras la revanta knabino.

— »Malfeliĉa Karolinjo«, kompatas la knabeto, »nun ŝi ne povos iri plu kun ni en la lernejon«.

— »Ĉar ŝi estas, ĉu ne vere, en la ĉielo?«

— »Jes, ŝi estas en la ĉielo, domaĝe!«

— »Kial do vi estas malgaja, ĉar Karolinjo estas en la ĉielo?« demandas la knabino mirante. »En la ĉielo estas tamen tiom bone! Tie oni povas promenadi de la mateno ĝis la vespero kun la karaj anĝeletoj! Tie oni ricevas sukeraĵojn po plenaj antaŭtukoj; tie ĉiu tago estas dimanĉo, kaj oni ludadas kaj kantadas ĉiam; — kaj kiam oni laciĝis pro ludado, tiam bona Dio nin sidigas sur siajn genuojn kaj kisas nin ĝis ekdormo«.

— »Jes, jes, estos nepre bonege en la ĉielo!« sopirante murmuras Janko.

— »Mi vidis Karolinjon, kiam ŝi fariĝis jam anĝeleto kaj ŝi ankoraŭ dormadon longan dormis antaŭ ŝi estis flugonta al ĉielo«, reparolas Manjo. »Ha! Kiom ŝi estis bela! Ŝi estis vestita per freŝa blanka robeto, kaj ŝia vizaĝo kaj ŝiaj manetoj estis eĉ pli blankaj ol la robeto; — kaj sur sia kapo ŝi portis kronon el oraj kaj arĝentaj floroj kun steletoj kaj perloj, kiel infaneto Jesuo en la preĝejo; — kaj Karolinjo ridetis tiom dolĉe dum sia dormado, kvazaŭ ŝi jam sonĝis pri la ĉielo. Mi ne vidis ŝiajn flugilojn; sed mia patrino klarigis al mi, ke ili estas falditaj sub ŝia dorso, por ke ili ripozu por la longa vojaĝo... ĉar la ĉielo estas tre malproksime de ĉi tie, Janko«.

— »Venu, Manjo«, murmuretas la knabeto, ŝin de la tombeto forigante. »Mi tamen ne dezirus jam morti, ĉar tiam mi ne scius plu ludi kun vi...«

*

H e n r i k o  C o n s c i e n c e (1812—1883) estas rajte ŝatata kiel la restariginto de la flandra literaturo. Li sukcesegas la skizadon de scenoj el la popola vivo. Li pentras la naturon kun mirindaj ĝusteco kaj simpleco per helaj kaj lumaj koloroj, tamen li apartenas pli al la idealista romanverkistaro ol al la realista: liaj herooj restas ĉiam iom super la reala proza vivo.

Per la esprimo, eĉ naiva, de la plej altaj kaj puraj sentoj li ofte eligas larmon el okulo de la leganto.

Se ia romanverkisto — en kia ajn lingvo aŭ ĉe kia ajn popolo li skribis — estas rekomendinda al la gejunuloj, estas certe nia Conscience.

El lingvo flandra esperantigis

A n t v e r p e n o, junio 1903. Dro *Raym. Van Melckebeke.*



JOSEF DOBROVSKÝ

(Vidu la artikolon »Al 150. festo de naskiĝo de Josef Dobrovský« en la 9-a Nro de »Český Esperantista«.)

Otisk podobizny jest vyňat z díla »Literatura česká XIX. století«, vydaného nákladem Jana Laichtera na Král. Vinohradech.

# EL LA MONDO.

**Malofta skeleto de mamuto,** solaĵo en meza Eŭropo, estis trovita en Beš en norda Hungarujo. Ĝia posedanto, s-ro *A. Kmeť*, prezidanto de »Muzea societo slovaka« ĝin donacis al la muzeo en Turčanský Svatý Martin (Turocz Szt. Marton) en norda Hungarujo.

Aparta kaj la plej malofta specialaĵo de ĉi skeleto estas tute konservitaj piedegoj, do ankaŭ ostoj nomitaj *ossa sesamoidea.* Per tiu trovo la figuro de mamuto-solipedo[1] (farita de Cuvier) estas definitive korektita je »kvinhufa besto«. Dua apartaĵo de ĉi skeleto estas dentegoj, respektive ilia internaĵo (embriaj dentegoj!?). Oni diras, ke tio estas io nova, ĝis nun nevidita, kio bone servos por pli detale ekkoni tiun elmortintan grandegulon. *Red.*

En jaro 1903 eliris bohema bibliografia verko **„České časopisectvo XX. věku"**, kies plena titolo en traduko estus: Bohema gazetaro en XX centjaro. Nomaro kaj statistiko de ĉiuj nuntempe elirantaj bohemaj gazetoj en Bohemujo, Moravio, Silezio, Slovakujo[2], Germanujo kaj Ameriko. Arangis Vojta Kudlata-Proboštů, en Praha II, Nro 161. (Bohemujo). Prezo 1·30 K afrankite.

Laŭ ĉi libro en jaro 1902 estis eldonataj **752** bohemaj gazetoj, el kiuj 70 en Ameriko, 28 en Hungarujo, 2 en Germanujo, 1 en Francujo kaj 10 en Vieno.

La enskriboj estas tiom detalaj, ke krom nomo de ĉiu gazeto estas donita ankaŭ tempo de elirado, formato, nombro da paĝoj, abono, nomoj de posedanto, de eldonanto kaj de redaktoro, ie ankaŭ nomo de ĉefa kunlaboranto kaj de presejo kaj ĉe multaj eĉ kostoj de anoncoj.

Ĝi estas la plej detala verko pri bohema gazeta bibliografio, kiu ĝis nun estis eldonita, kaj superas eĉ la nomaron de Waldheim, tiel per ĝusteco, kiel per detaleco. (*Kr.*)

**Internacia organizado de scienculoj por esplorado de centra nerva sistemo.** En Nro 34-a de rusa medicina revuo »Ruskij Vrač« (Rusa Kuracisto) Dro *A. Nemilov* donas sciigon kaj detalojn pri ĉi nomita organizado. La penso pri ĉi tiu organizado aperis antaŭ 2 jaroj, nome 16. IV. 1901 en la komuna kunsido de Internacia Ligo de Akademioj en Parizo, kie estis decidita laŭ la propono de Saksa Scienca Societo elekti komision por ellaborado de komuna plano por esplorado de centra nerva sistemo, por kolektado de materialo rilate anatomion de cerbo kaj por alkonduko de ĉi tiu materialo en formon oportunan por komuna uzado, kaj aparte por enkonduki en la vivon la penson pri neceseco dislokigi en tutan mondon reton de centraj institutoj, kie ellaboriĝus la metodoj de esploradoj, sistemiĝus la scienca materialo kaj ĝi fariĝus atingebla por esplorantoj.

La komisio kunvenis la 5. VI. 1903 en Londono en kongreso, en kiu estis ellaborita la projekto de internacia organizado de scienculoj-esplorantoj de centra nerva sistemo. (*Dro A. M. Grünfeld*).

**Bertha Suttner,** la tre bone konata propagandantino de l' paco universala kaj la prezidantino de Aŭstria societo paca, atingis en ĉi

---

[1] Latine solidipedus, france solipède, angle soliped, germane Einhufer, ruse однокопытный, boheme jednokopytník.

[2] Parto de Hungarujo, loĝata de Slovakoj.

jaro 60-an jaron de sia vivo, ĉe kiu okazo ŝi ricevis de ĉiuj flankoj tre grandan nombron da gratuloj. Krom tio ŝi ricevis ankaŭ honoran donacon, kiu estis kolektita de ŝiaj multaj admirantoj el tuta Eŭropo. Oni atendas, ke al ŝi estos aljuĝita la premio de Nobel por jaro 1903 pro ŝiaj meritoj je paca movado.

**Preskaŭ 900.000 da virinoj voĉdonos** deputitojn por parlamento en unuigitaj kolonioj Aŭstraliaj (Aŭstralian commonwealth). En la ĉefa urbo Aŭstralia Melbourne ili ellaboris propran programon, kiu estas progresema, sociala kaj antimilitarista.

**Milita budĝeto** en Francujo malgrandiĝis je 33,000.000 frankoj rilate al budĝeto 1902.

**Unueco en formo de leteraj kovertoj.** Oficistaro de germanaj regnaj poŝtoj jam de longe postulas, ke la fabrikistoj de papero fabriku leterajn paperojn kaj kovertojn, kiuj estas difinitaj al poŝta ekspedado, en unu formo kaj grandeco. Sed preskaŭ vane.

Diversa formo de leteroj malfaciligas specigi[1] leterojn kaj preskaŭ malebligas presi per maŝino ŝtampon de poŝto.

Ĉe konferenco en februaro 1901, al kiu regna poŝta ofico invitis reprezentantojn de komercistoj kaj industriistoj, oni deziris, ke la fabrikistoj de leteraj paperoj iel unuiĝu.

De tiu tempo la fabrikoj reprezentitaj en »Germana societo por papera industrio« almetas al skatoloj kun leteraj paperoj folietojn, sur kiuj troviĝas en la lingvoj — germana, angla, franca, rusa, dana, sveda, hispana kaj portugala — la sekvanta avizo, kiu meritas la atenton eĉ de niaj legantoj:

»En intereso de certa kaj rapida ekspedado de leteroj per poŝto oni rekomendas:

*a*) Ne elekti tro malgrandan koverton.

*b*) Uzi koverton nur en formo de rektangulo[2].

*c*) Ne uzi koverton, kies koloro estas tro malhela, sed nur tian, sur kiu la skribo farita per ordinara inko estas facile legebla.

*d*) La poŝtan markon glui ĉiam en la supran dekstran angulon.

*e*) La loĝejon (urbon, straton) de adresato skribi en dekstran angulon malsupran kaj dike substreki«.

Tiuj folietoj estas jam disvastigitaj en multaj milionoj de ekzempleroj. (El la bohema gazeto »Epocha« trad. *J. Holub.*)

**Longeco de regnaj fervojoj en Aŭstrio** (en la fino de jaro 1902) estis 11,834 *km*, je 368 *km* pli multe ol en jaro pasinta. Enspezoj kalkulis sume 272,860.000 K, je 11,030.000 K pli multe ol en jaro pasinta.

**S-ro J. A. Rahamegi el Revel** (Rusujo) korektis nian noteton, kiun ni publikigis en la 9-a Nro de »Český Esperantista« sub la titolo »Lernantoj de publikaj kaj burĝaj lernejoj en Rusujo«, tiamaniere:

Studentoj de supraj lernejoj pagas ĉe veturo al urbo, kie estas lernejo, ĝis ilia somera loĝejo kaj reen po unu rublo malmulte ol ordinara veturpago fervoja. La lernantoj de mezaj lernejoj pagas 1/4 de veturpago nur tiam, kiam ili veturas grupe, sub gvido de instruisto, kun celo kleriĝada. En ĉia alia okazo lernantoj pagas tutan pagon por biletoj fervojaj, egale al kiuj ajn privataj personoj.

[1] Specigi = tříditi.
[2] Rektangulo = obdélník.

# ORGANIZACIO DE KORESPONDADO.

*Klarigojn de signoj vidu en Nro 7-a de Bohema Esperantisto«.*

*Unua* anonco por ĉiu abonanto de »Č. E.« estas ***tute senpaga.***

**23. Aŭstrio. Bohemujo.** ŘETENICE (Settenz) u TEPLIC. *Josef Kubík*, vitrofabrika oficisto. ***LSP***: bohema, germana, angla, Esperanto. ***Dez***: korespondi pri stenografio de Gabelsberg (bohema, germana) kaj pri stato de industrio en fremdaj landoj. ***D***: Informoj el mia ĉirkaŭaĵo. — Mi dezirus trovi okupiĝon en Rusujo. * 1880.

**24. Rusujo.** Gubernio Voronej, SLOBODA BUTURLINOVKA, Krasnaja ul. *Alexandr Arsenev*, instruisto de malalta popola lernejo. ***LSP***: rusa, Esperanto. ***Dez***: korespondi pri pedagogiko, abeledukado, publikaj bibliotekoj kaj meteorologio. ***R***: Tuj. — Per helpo de Esperanto lerni lingvojn: francan kaj italan. * 1870.

**25. Unuigitaj Ŝtatoj Amerikaj.** California. SAN-FRANCISCO, 1715, Powell street. *Vladimir de Maynov.* ***LSP***: rusa (malgrandrusa), franca, angla, germana, latina, malnov-greka, Esperanto. ***LS***: itala, hispana, sveda, portugala. ***Dez***: Korespondi pri ĉio por interkonado. ***D***: Laŭ ebleco. ***R***: Nur, se oni pagas respondon. — Serĉanto de vero. * 1871.

**26. Belgujo.** ST. GILLES-BRUXELLES, 12, rue Westphalie. *Frans Verbanck*, popola instruisto. ***LSP***: franca, flandra. ***LS***: Esperanto. ***Dez***: Korespondi pri popola instruado, popola vivo, geografio. ***D***: Laŭ mia scio. ***K***: Ilustritaj poŝtaj kartoj pri geografio aŭ popola vivo. ***R***: Ĉiam, ĉiel, laŭ ebleco baldaŭ. * 1875.

**27. Svedujo.** Provinco Södermaniand, JERNA-Pilkrog. *Ellert Johnson*, posedanto de bieno. ***LSP***: sveda, Esperanto. ***L.*** germana, franca, (angla, latina). ***Dez***: korespondi pri aferoj terlaboraj, pri moroj en fremdaj landoj. ***K***: Ilustritaj kartoj. ***R***: Plej baldaŭ per letero aŭ poŝta karto. — Per helpo de korespondado perfektiĝi en Esperanto kaj ricevi bonan materialon propagandan. * 1866.

**28. Francujo.** REIMS, 2, rue Ponsardin. *Grupo Esperantista* (sekretario *F. Morot*). ***LSP***: franca, Esperanto. ***LS***: germana. ***Dez***: Helpi al kreo de internaciaj rilatoj inter Esperantistoj. Por tiu celo nia sekretario transigos ĉe membroj de Reims'a grupo ĉiujn demandojn de korespondado, interŝanĝo de poŝtaj kartoj, komercaj rilatoj k. t. p. ***D***: Nia grupo donos tre volonte ĉiujn sciigojn dezirotajn pri Francujo kaj precipe pri industrio kaj komerco franca (oni aldonu poŝtan markon por respondo!) ***K***: Sekretario kaj multaj membroj de grupo kolektas kaj interŝanĝas ilustritajn kartojn. ***R***: Tre akurate, per poŝtaj kartoj. — Ni deziras, ke Esperanto utilu al Reims'a komerco kaj industrio. (En Reims troviĝas firmoj por bonegaj biskvitoj, lanaj ŝtofoj, ĉampana vino k. a.)

**29. Belgujo.** GAND, 61, rue Remouleurs. Dro *L. Cogen.* ***LSP***: flandra, franca. ***L***: germana, angla, itala, latina. ***Dez***: Stenografiaj sistemoj en ĉiuj landoj. Fremdlanda muziko. Deziras ricevi ekzemplerojn de stenografiaj gazetoj de kiu ajn sistemo kaj el kiu ajn lando; ekzemplerojn de gazetoj naciaj priparolintaj demandon pri lingvo internacia kaj Esperanto. Ricevi specimenojn de prospektoj de skribometodoj aŭ maŝinoj. * 1876.

Redaktor: Krumpholc Jos. — Vydavatel: Čejka Th.
Tiskem »Družstva knihtiskárny«, Hranice.